# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.
INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

34a jaro Januaro-Februaro 1982 N-ro 1



Budapeŝto kaj Danubo

# LA IAMA IFEF-PREZIDANTO

## de Jong 80jara



K.G.J. de Jong kiel prezidanto de IFEF

La 27an de Januaro estas la tago, kiam antaŭ 80 jaroj naskiĝis K.G.J. de Jong en Finkum (provinco Frislando). Li fariĝis fervojisto kaj tiamaniere en la jaro 1929 devis translokiĝi al Amsterdam. Okaze de iu ekspozicio li tie konatiĝis kun Esperanto kaj aliĝis al la landa asocio de SAT. Baldaŭ li faris la ekzamenojn A (parolkapablo) kaj B (instrukapablo). Jam en 1930 li vizitis kongreson de SAT en Valencia. En 1932 li komencis instrui Esperanton.

En la jaro 1932 fondiĝis la fervojista Esperanto-grupo UNFEG en Amsterdam, en kiu de Jong baldaŭ aktivis, kune kun aliaj personoj poste elstaraj en IFEF. Post la deviga pro la milito paŭzo Amsterdam fariĝis kerno por la Fervojista Esperantista Rondo Nederlanda fondita en 1946, kiu du jarojn poste ludis decidan rolon por la fondiĝo de IFEF. Ĉiam de Jong estis inter la aktivuloj.

Sed nun komenciĝis la periodo, kiam li persone kunformis la novan internacian federacion de la fervojistoj. En la dua IFEF-kongreso 1950 oni elektis lin redaktoro, kiun taskon li plenumis ĝis 1958. Dum tiuj jaroj li sukcesis, spite al ofte malespera financa situacio, evolui la IFEF-organon, la tiaman "Bulteno", al riĉenhava komunikilo kaj interligilo, simbolanta la

sekvo paĝo 8

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.
Redaktoro:
Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, F-78420 Carriéres/Seine.
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, DK-9800 Hjørring.
Poŝtĉekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Tolne station, DK 9891 Tolne.

# TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 34a IFEF-KONGRESO

Kunsido Estraro/Komitato (nepublika)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Honorigoj
3. Diskuto estrarelekto
4. Diskuto kongresproponoj
5. Diskuto budĝeto 1983
6. Diskuto pri venontaj kongreslandoj
7. Situacio en diversaj landoj
8. Eksteraj rilatoj
9. Eventualaĵoj

Plenkunsido en du partoj

(publikaj, multnombra ĉeesto dezirata)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj kaj leteroj
3. Raportoj estraraj
   - 3.1. de sekretario
   - 3.2. de redaktoro
   - 3.3. de kasisto
4. Protokolo Regensburg
5. Konfirmo de la invito por la 35a kongreso
6. Raporto de la ĉefkomitatano
7. Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj
   - 7.1. Terminara Komisiono
   - 7.2. Fakprelega Komisiono
   - 7.3. Historio-Komisiono
   - 7.4. Koresponda Servo
   - 7.5. Informa Fako
   - 7.6. Komitatano A de UEA
8. Estrarelekto
9. Resumo pri raportoj landaj asocioj
10. Laborplano
    - 10.1. Regularo por Internaciaj Skisemajnoj
    - 10.2. Diskuto pri estonta literatura konkurso
    - 10.3. Centjara jubileo de la Internacia Lingvo
    - 10.4. Enketo pri laborkondiĉoj de fervojistoj
11. Kongresproponoj
12. Rilatoj al aliaj organizoj
    - 12.1. UEA (Universala Esperanto-Asocio)
    - 12.2. FISAIC (Internacia Federacio de Kulturflegantaj Fervojistoj)
    - 12.3. FIRAC (Radio-amatoroj fervojistaj)
    - 12.4. AEC (Eŭropa Fervojista Asocio)
13. Resumo pri la situacio en diversaj landoj
14. Budĝeto 1983 kaj kotizkonfirmo
15. Elekto de revizoroj

16. Venontaj kongresoj
    16.1. Elekto de lando por 1984
    16.2. Diskuto pri postaj ebloj
17. Internacia skisemajno 1983
18. Libera diskutado

- - - - - - - - - - - -

Kunsido de la Fakprelega Komisiono

1. Kiel plibonigi la kunvenon: Aktualaĵoj el via lando
2. FK-statutoj kaj laboro estontece
3. Raporto pri la pasinta laborperiodo
4. Informoj pri kunlaborantoj, prelegtemoj ktp por la 35a kaj 36a kongresoj
5. Libera diskutebleco. Ekzemple diskutindas: Ĉu la teksto/enhavo de niaj fakprelegoj fariĝas sufiĉe larĝe oficialigataj?

Gunnar Thuesen, gvidanto

- - - - - - - - - - - -

Kunsido de la Terminara Komisiono

1. Stato de nia laboro pri LG III
   Ĉiu kunlaboranto trastudu TeKu 31 kaj konfirmu aŭ korektu la inventaran liston kaj la laŭlandajn rimarkigojn
2. Stato de la eldonpreparoj por LG IV ĉe UIC
3. Komuna problemsolvado pri dubaj terminoj "P"
   La listo estas dissendita dum oktobro 1981

Gernot Ritterspach, sekretario

- - - - - - - - - - - -

Kunsido de la Historio-Komisiono

1. Raporto pri la pasinta jaro
2. Laborplano por la venonta jaro
3. Diskutado

La landaj kunlaborantoj estas petataj ĉeesti.

Interesuloj bonvenaj.

Joachim Giessner, gvidanto

Kompilis Ĉefkomitatano,
Lucien de Sutter

# KONGRESPROPONOJ

Propono n-ro 1

Komitatano L. de Sutter (Belgio) en sia funkcio kiel ĉefkomitatano proponas:

Reelekti la ĝisnunajn estraranojn: J. Giessner (prezidanto), P. Engen (vic-prezidanto) kaj H. Hauge (kasisto).

De ili ne venis demisioj.

Tiamaniere ni dankos ilin pri la ĝisnunaj fruktedonaj servoj.

Propono n-ro 2

Komitatano L. de Sutter (Belgio) proponas elekti la kolegojn:

Otto Rösemann (Germanio) kiel sekretarion kaj
E. Henning Olsen (Danio) kiel redaktoron de IFEF.

Vivpriskribojn vidu aliloke.
Komentario.
La nuna redaktoro de la IFEF-estraro Guy Delaquaize (Francio) laŭstatute demisiis.

Ankaŭ la nuna sekretario de la IFEF-estraro E. Henning Olsen laŭstatute demisiis, sed kandidatiĝis por la posteno de redaktoro.

Krom la du proponitaj kolegoj, neniu alia persono deklaris sin preta kandidatiĝi por unu el tiuj du oficoj.

La ĉefkomitatano,
Lucien de Sutter.

# JUNULARA FONDUSO

Kiel vi povas vidi en la raporto de la kasisto, la Junulara Fonduso kreskis al 1865,70 d kr. Ĝi daŭre akceptas kontribuojn, kaj la estraro volonte akceptas proponojn pri uzo de la rimedoj al junuloj partoprenantaj en Esperanto-aranĝoj.

La kasisto.

## Raporto de la kasisto por la jaro 1981

| Enspezoj: | d kr | Elspezoj: | d kr |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 34408,00 | Internacia Fervojisto | 23047,33 |
| Rentumoj | 822,24 | Estraro | 2660,46 |
| Junulara fonduso | 953,00 | Administrado | 2642,61 |
| Historio fonduso | 3000,00 | Reprezentado | 291,22 |
| | | Kotizoj | 546,00 |
| | | Insignoj | 814,80 |
| | | Deskribo inventaro | 1062,53 |
| | | Junulara fonduso | 953,00 |
| | | Historio fonduso | 5300,00 |
| | | | 37317,95 |
| | | Plienspezoj | 1865,29 |
| | 39183,24 | | 39183,24 |

Bilanco je la 31a de decembro 1981

| Aktivoj: | | Pasivoj: | |
|---|---|---|---|
| Kaso | 4756,87 | Kongresa garantia fond. | 11162,27 |
| Poŝtĝiro | 9539,21 | Junulara fonduso | 1865,70 |
| Bankkontoj | 27139,49 | Historio fonduso | 6300,00 |
| Inventaro | 3187,59 | Havaĵo 31.12.1981 | 25295,19 |
| | 44623,16 | | 44623,16 |

Tolne la 1/2 1982

La kasisto: H. Hauge

Århus la 3/2 1982

La revizoroj: Frede R. Jensen
Anders Klausen
Robert Mikkelsen

---

MEMBROSTATO

| lando | 1981 | 1980 | lando | 1981 | 1980 |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | 201 | 201 | Hungario | 141 | 141 |
| Belgio | 50 | 50 | Italio | 134 | 119 |
| Britio | | | Jugoslavio | 60 | 60 |
| Bulgario | | 32 | Japanio | 21 | 21 |
| Ĉehoslovakio | 60 | 60 | Nederlando | 57 | 61 |
| Danio | 65 | 65 | Norvegio | 75 | 94 |
| Finnlando | 19 | 20 | Pollando | 17 | 17 |
| Francio | 230 | 121 | Svedio | 118 | 132 |
| Germanio | 819 | 817 | Svisio | 74 | 74 |
| Hispanio | 180 | 182 | | | |

# PREZENTADO DE LA SEKRETARIO-KANDIDATO

OTTO RÖSEMANN



Otto Rösemann naskiĝis la 18an de Majo 1923. Li fariĝis fervojisto en 1948 en Osnabrück, kie li post kelkaj jaroj en la ekstera servo transprenis taskojn por pli granda distrikto en la trafik-, aŭtobus- kaj gazetara servoj. 17 jarojn li krome estis kunlaboranto de tri lokaj gazetoj, kiujn li provizis ankaŭ per artikoloj pri la Esperanto-movado.

En la jaro 1972 li ŝanĝis al Hannover, de kiam li prilaboras en la horar-oficejo de la direkcio la kontaktojn kun vojaĝentreprenoj, ŝipkompanioj kaj la gravaj foiroj de Hannover.

Otto Rösemann esperantistiĝis en 1952. Pli ol 10 jarojn li estis prezidanto de la loka Esperanto-societo en Osnabrück. En 1966 li transprenis la administradon de la GEFA-biblioteko. 4 jarojn li estis GEFA-sekretario kaj de 1970 unu el la GEFA-komitatanoj por IFEF. De post kelkaj jaroj li prilaboras la GEFA-jarraportojn por IFEF.

# PREZENTADO DE LA REDAKTORO-KANDIDATO

E. HENNING OLSEN

Vidu "Internacia Fervojisto"n n-ron 1 de 1980 paĝo 10 sub la titolo "Prezentado de la Sekretario-Kandidato".

Al tiu ni povas aldoni, ke en la 32a IFEF-kongreso, la komitato elektis lin kiel IFEF-sekretarion, kaj ke li bonege plenumis sian taskon.

De Jong 80jara (sekvo de paĝo 2)

kreskantan reputacion de IFEF.

Tamen la plej grava epoko en la esperantista vivo de nia jubileanto datiĝis de 1958 ĝis 1968, kiam li gvidis la federacion kiel prezidanto. Estis la jaroj, kiam la federacio atingis pli ol 2600 membrojn, kiam la nombro de landaj asocioj kreskis ĝis 19, kiam la internaj taskoj, sed ankaŭ la rilatoj eksteren pli kaj pli komplikiĝis. Entute do de Jong donis siajn fortojn al la estraro de IFEF 18 jarojn, periodo apenaŭ imageble longa.

Sed ne sufiĉe. Post sia eksiĝo el la estraro li daŭrigis plenvapore en sia hejmlando, gvidis la amsterdaman grupon de FERN, kunlaboris en la Terminara Komisiono, kelkjare redaktis la FERN-organon "Fervojisto" kaj apartenas eĉ nun al la FERN-estraro.

Ni ankaŭ ne forgesu, ke li en 1968 liveris valoran verkon "Historio de la fervojista Esperanto-movado", kiu konservas gravajn detalojn por la estonteco.

Estas tute klare, ke neniel eblas vere mencii kaj digne estimi la farojn de homo, kiu pli ol la duonon de sia vivo dediĉis al tasko, por kies plenumo oni ne nur bezonas korpajn kaj spiritajn fortojn, ne nur saĝon kaj intuicion, entreprenemon kaj klarvidon, sed precipe nerompeblajn konvinkon kaj kredon je la nobla, giganta ideo de la Internacia Lingvo, je la altmorala tasko, kiun transprenas ĉiu homo, kiu aktivas por Esperanto.

Tia homo estis kaj estas K.G.J. de Jong. Lia nomo jam nun por ĉiam estos ligita al IFEF. Kaj ni ĉiuj, kiuj de jardekoj konas lin, kiuj en multnombraj kunsidoj laboris kun li, kiuj ankaŭ private konatiĝis kun li, ni ĉiuj tutkore gratulas je lia 80a naskiĝtago, kiun li travivu en agrabla rondo kaj en bona sanstato. Kaj ni alkroĉas nian modestan dankon pro ĉio, kion li faris por la granda heredaĵo de d-ro Zamenhof kaj speciale por nia fervojista faka movado. Precipe sanon donu al li bona sorto ankoraŭ por multaj jaroj, ĝojon kaj bonfarton en paca mondo. Kaj ni deziras al li, ke li ankoraŭ ofte havu okazon revidi malnovajn amikojn el la grandega ronde de sia tutmonda amikaro.

Joachim Giessner
prezidanto de IFEF
nome de la tuta membraro

# PRI LA 34a IFEF-KONGRESO



La "Kongresejo" en Balatonfüred

La 34a IFEF-kongreso okazos en la apudlaga urbo Balatonfüred de la 2a ĝis la 8a de majo 1982. La "Postkongreson" LKK aranĝos en Budapest la 8an kaj 9an de majo 1982.

En la kadro de la kongreso okazos diversaj distraj programoj, inter ili: interkona vespero, vespera ŝippromenado sur la "Hungara Maro", duontagaj ekskursoj fakultativaj al loko Tihany, aŭ al lokoj Herend kaj Veszprém; kulturvespero; tuttaga ekskurso al lokoj Keszthely-Héviz-Badacsony; internacia balo, kaj adiaŭa vespero.

Dum la kongreso okazos lingvokurso por komencantoj laŭ Cseh-metodo, kaj laŭdezire oni povos fari lingvan ekzamenon.

Dum la kongreso en la kongresejo funkcios informejo, loka poŝtoficejo - uzonte specialan poŝtstampilon -, librovendejo. Oni aranĝos ekspozicion.

En la kongresejo krome funkcios kombisto, kuracisto, bufedo, kafejeto, nokta amuzejo, kegloludejo. La kongresejo havas propran haltejon (subĉielan) por privataj aŭtomobiloj, kaj vid' al vide funkcias benzinstacio.

La postkongreso okazos en Budapest, kies provizora programo estas vizito de Nacia Muzeo; hungareca komuna vespermanĝo kun ciganmuziko; urbovizitado per aparta aŭtobuso; vizito de Pionirfervojo en la Montaro de Buda; vizito de Trafika Muzeo.

Por la postkongreso estas je la dispono nur 150 hotellokoj, kiuj ankoraŭ ne elĉerpiĝis - do ankoraŭ ĝi estas mendebla. Memkompreneble post la elĉerpiĝo de hotellokoj oni rajtas partopreni la postkongreson, sed tiuokaze oni mem devas zorgi

pri la tranoktado.

LKK decidis eldoni t.n. "Oficiala Komuniko"n. Ĝis nun aperis ties unua kaj dua numeroj, kiujn LKK plejparte poŝtigis. Baldaŭ aperos la tria numero, en kiu LKK aperigos la koncernan enlandan fervojhoraron.

Laŭ la plano de LKK la 2an de majo je la 16a horo el Keleti pu (Orienta Stacidomo) trafikos aparta kongresa trajno al Balatonfüred, post la kongreso reen al Budapest la 8an de majo matene. Konsilinde estos alveni al Budapest tiel, ke oni povu profiti tiun ĉi apartan trajnon.

LKK regule sendas ĉiun numeron de Oficiala Komuniko al la landaj fervojistaj E-asocioj, al la redakcioj de E-periodaĵoj.

Pri la kongresloko kaj pri la ekskurslokoj ni sube konatigas vin:

<u>Balatonfüred</u>

La loko de la 34a IFEF-kongreso, urbo Balatonfüred situas en sudokcidenta direkto de la ĉefurbo Budapest. La distanco de Budapest ĝis Balatonfüred estas 132 km-j per fervojo. Balatonfüred estas la plej malnova, patina internacia banloko de Balaton-regiono. Norde de la urbo situas montoj-montetoj.

La urbo havas tre konvenan geografian kaj klimatan situon. El la norda direkto montaro gardas la urbon kontraŭ la malvarmaj ventoj; kun belaj valoj, ekskursejoj donas varman ĉirkaŭaĵon, panoramon.

Sude la pitoreska duoninsulo Tihany penetras en la lagon.

Tiu ĉi regiono estis loĝata jam dum la roma imperio. Ties kuracakvon oni eltrovis dum la XVIIa jc. De tempo al tempo la loko fariĝis pli fama kaj ĉiam pli populara. Ankaŭ kulturcentro estis tiu ĉi loko, kie konstruiĝis la unua ŝtonteatro en Hungario. Ĝi estis tiutempe la centro de hungara lingvo-kulturo, kaj por la evoluo de hungara dramo.

De tiu ĉi loko ekfunkciis la balatona vaporŝipado en j. 1846 je la iniciato de István Széchenyi.

En la urbo funkcias eŭrop-fama hospitalo pri kormalsano. Ties karbacida kuracakvo tre taŭgas por kuracado kontraŭ kormalsano, stomak-malsano, gal-malsano, diabeto. La fama hinda poeto Rabindranath Tagore resaniĝis ĉi tie, kaj plantis tilion je la ĝojo de sia resaniĝo. Ankaŭ la itala Salvatore Quasimodo plantis tilion.

La urbo mem havas multe da arkitekturaj artobjektoj, memoraĵoj, inter ili menciinda estas la t.n. rondforma preĝejo el la XIXa jc. Troviĝas la vilaoj de iama fama aktorino Lujza Blaha kaj la verkisto Mór Jókai, kiu lasta funkcias kiel Jókai-muzeo. La muzeo prezentas multe da personaj memorobjektoj de la verkisto.

En la malnova parto de iama vilaĝo troviĝas la ruinoj de vilao, devenante el roma epoko, el la IIa, IIIa jarcentoj.

Menciinde estas la kalvina preĝejo, kaj pluraj artobjektaj vilaoj.



Panoramo pri Tihany

Tihany

Tihany situas sur la duoninsulo Tihany. Sur la rando de la duoninsulo montetoj leviĝas 180 - 230 m-jn alten, kaj meze situas kaldrono kun lageto.

La loko mem estis loĝata dum la praepoko; oni malkovris la restaĵojn de terfortikaĵo devenante el la ferepoko.

En jaro 1055 hungara reĝo Andreo la unua fondis abatejon. Tiu ĉi ĉarto estas la unua skriba memoraĵo de hungara lingvo, kiu surloko estas ekspoziciita. Post la tatara invado konstruiĝis fortikaĵo, kiun la turkoj neniam povis okupi. Post la fiasko de libereca batalo la cezara militestraro detruigis ĝin. El ties ŝtonoj konstruiĝis la nuna barokstila preĝejo kaj klostro.

Antaŭ kelkaj jaroj konstruiĝis la plej moderna ripozcentro de Balaton-regiono. La duoninsulo estas ŝatata laborloko de verkistoj, artistoj, scienculoj; kultura centro elformiĝis ĉi tie kun multe da sciencaj institutoj.

La belega barokstila preĝejo konstruiĝis dum la XVIIIa jc, kiun pliriĉigas lignoskulptaĵoj.

Elstare signifa estas la suba preĝejo, kiu devenas el la XVa jc. En tiu ĉi sub-preĝejo oni enterigis la hungaran reĝon Andreo la unua en la jaro 1060.

Apud la preĝejo situas la monaĥejo, en kiu funkcias muzeo. Ĝi detale prezentas la historion de regiono Tihany de la ŝtonepoko ĝis nun.

En la vilaĝo troviĝas multe da memoraĵo de popola konstruado.

Herend

En vilaĝo Herend funkcias mondfama porcelanfabriko, kiun fon-

dis Mór Fischer en j. 1839. Komence la fabriko okupiĝis pri la produktado de kopioj de ĉinaj kaj XVIII-jarcentaj porcelanproduktaĵoj, poste oni produktis memstarajn karakterajn produktaĵojn, kaj poste baldaŭ la fabriko evoluiĝis mondfama. La artobjektojn, vazojn kaj porcelanfigurojn plejparte artistoj pentras. Al la fabriko apartenas porcelanmuzeo, kiu prezentas la fabrikon de la komenco ĝis nun.

Veszprém

Ĝi situas en pitoreska regiono, kiu estas tre riĉa per artobjektoj. Ĝi estas tradicia ekonomia kaj kultura centro de la departemento. Oni nomas ĝin la "Ĉefurbo de Bakony" - nomo de montaro.

La unuaj arkeologiaj restaĵoj de nuna Veszprém devenas el la IVa-IIIa jarmiloj antaŭ Kristo. Riĉajn memoraĵojn ni havas el la broncepoko.

La patrujokupantoj trovis lokon kun remparo kaj preĝejo.

Dum jarcentoj urbo Veszprém estis kulturcentro de la regiono. La urbo estis la rezidejo de episkopo. En j. 1031 la monaĥinoj preparis bizans-stilan talaron, kiun dum naŭ jarcentoj oni uzis kiel kronadan talaron.

Dum la unuaj jarcentoj multe evoluiĝis la urbo, okazis pompaj konstruadoj, sed ili detruiĝis dum la tatara invado. Poste oni rekonstruis la urbon, sed pluraj incendioj kelkfoje malhelpis ties evoluon.

Dum la XVIIIa jc konstruiĝis barokstilaj preĝejoj, konstruaĵoj. Ĝis la liberiĝo ĝi funkciis kiel urbo de lernejoj. Post la liberiĝo la urbo fariĝis industria centro kaj kultura centro. Ĝi havas kemian universitaton, plurajn sciencajn institutojn.

La fortikaĵ-kvartalo havas multe da altvaloraj konstruaĵoj devenante el la XVIIa-XVIIIa jarcentoj. Inter ili menciindaj estas la episkopa palaco kaj la Gizella-kapelo, la katedralo.

La urbon trafluas la rivereto Séd (Sed), super kiu leviĝas viadukto. Proksime troviĝas muelejo devenante el la XIIIa jc. El la Xa jc devenas la ruinoj de klostro.

Kiu elektas tiun ĉi ekskurson, nepre ricevos egalajn neforgeseblajn travivaĵojn, kiel tiuj gajnos, kiuj ekskursos al Tihany.

Keszthely

La plej granda kolonio de regiono Balaton estas la urbo Keszthely, kies nomon oni mencias ankaŭ "ĉefurbo de Balaton". La urbo mem estas ripozloko; rilate al historio, kulturhistorio, artobjektoj, sciencaj institutoj ĝi estas tre riĉa. Ties panoramo estas varia. Ĝi estas ekskurso-regiono, apude situas la granda "Keszthely-hegység" (Montaro Keszthely), apude situas la kuracbanloko Hévic; kaj la plej konata, riĉa natur-protekta teritorio: "Kis-Balaton" (malgranda Balaton).

Dum la roma imperio sur tiu ĉi teritorio situis fortikaĵo, kiu nomiĝis Valcum. Laŭ onidiro ĉi tie naskiĝis la fama gota reĝo Theodorik la Granda.

Sur la strato Deák Ferenc tro-

viĝas tombejo, kiu nomiĝas "Keszthelyi kultura" (keszthely-a kulturo). Ĉi tie oni malkovris pli ol mil tombojn de gentoj hun kaj avar.

Dum la patrujokupado loĝis sur tiu ĉi teritorio la gento avar. Dum la XVIIIa jc ĝi havis du kapelojn. Sur tiu ĉi loko kondukis tra la granda komerca vojo inter la tiama Italio kaj Buda.

Dum la XVa-XVIIa jarcentoj Keszthely estis limfortikaĵo, kiun la turkoj neniam povis okupi. Ĝi havis gravan rolon ankaŭ dum la liberec-batalo inter la hungaroj kaj aŭstroj. Dum la XVIIIa jc ĝi fariĝis la posedaĵo de familio Festetich, kaj ĝi transformiĝis al feŭdala bieno. Dum la vivo de György Festetich (1755-1819) ĝi fariĝis elstara kulturcentro, la plej eminentaj figuroj de hungara literaturo kaj spirita vivo kolektiĝis ĉi tie por partopreni la t.n. "Helikon Ünnekségek" (Helikon Festoj) la 12an de februaro de ĉiu jaro.

Georgo Festetich fondis la unuan agrikulturan lernejon de Eŭropo en j. 1797, kiu nomiĝis "Georgikon". El ĝi formiĝis poste la Agrikultura Akademio, kaj poste Agrikultura Altlernejo. Nuntempe ĝi funkcias kiel Agrikultura Universitato.

Keszthely estas ekonomia kaj spirita centro. Ĉi tie naskiĝis la fama komponisto Károly Goldmark (1830-1915), kies opero estas mondfama: "Reĝino Ŝaba". Pongrác Kacsóh ĉi tie komponis la opereton "Johano bravulo".

La kastelo Festetich estas elstara arkitektura konstruaĵo en baroka stilo. En ĝi troviĝas la fama "Helikon Könyvtár" (Helikon Biblioteko) kiu fondiĝis dum la XVIIIa jc. La kastelon ĉirkaŭas granda parko kun kelkaj maloftaj vegetaĵoj.

Héviz

Ĝi estas la plej granda kaj plej fama kuracloko de Hungario. Jam dum la mezepoko oni konis ties efikon de kuracakvo, el la j. 1328 dokumentoj jam menciis la kuracakvon. Dum la XVIIIa jc oni aperigis kuracistan studon pri la kuracakvo. Georgo Festetich (la iama posedanto de tiu ĉi regiono) konstruigis banejon (konstruaĵon). Nuntempe pli ol 150 ripozdomoj viciĝas ĉirkaŭ la lago, kaj samtempe dumil malsanuloj povas utiligi ĝin. Konstruiĝis sanatorio kaj senĉese ĝi evoluas.

En la vilaĝo troviĝas preĝejo devenante el la XIIIa jc. Oni malkovris tombon de roma soldato, devenante el la IVa jc.

Badacsony

Sur la teritorio de la nuna vilaĝo Badacsony dum la IIIa-IIa jarcentoj antaŭ Kristo vivis la gento kelta. Dum la roma imperio ĉi tie konstruiĝis vilaoj. Per la esplorfosado malkaŝiĝis tomboj, ŝtonĉerkoj, altaroj, skulptaĵoj. Ekde la roma imperio kvazaŭ senĉese dum du-mil jaroj estis altnivela vinberkulturado. Mondfamaj estas la vinoj el regiono Badacsony. En j. 1795 dum la vinber-rikolto la fama hungara poeto Károly Kisfaludy ĉi tie ekkonis fraŭlinon Róza Szegedy, kiu poste fariĝis lia edzino. Per la poemoj de Kisfaludy fariĝis publike konata la loko Badacsony kaj ties ĉirkaŭaĵo.

Tiu ĉi regiono estas unu el la

plej bonkvalitaj hungaraj vinber-bienoj: la tre konvena humo, la fortaj sunradioj, la longaj, varmaj aŭtunoj, la ŝirmo kontraŭ nordaj ventoj, jarcenta vinkulturo estas la ĉefaj faktoroj de "Badacsony borok" (Badacsony-aj vinoj); ties plej konataj vinoj estas: szürkebarát, kéknyelü, zöldszilváni, olaszrizling.

LKK

34a ESPERANTO KONGRESO de IFEF

Balatonfüred - Hungario - 02-08.5.1982

Poŝtadreso: H-1378 Budapest, Pf.: 7.

## Oficiala Komuniko n-ro 2 (ekstrakto)

### Aliĝiloj

1. El multaj flankoj alvenis plendoj pri la manko de aliĝiloj. LKK en aŭgusto dufoje sendis ilin kun cirkulero al la landaj e-asocioj, petante ilin por helpi propagandi la kongreson kaj disdoni la aliĝilojn.

Poste la 3an fojon LKK en novembro dissendis pli novan kvanton de ĝi al la adreso de koncernaj landaj fervojistaj Esperanto-asocioj, aldonite la kopion de la antaŭa menciita cirkulero.

2. Nur tiuj aliĝiloj validas, por kiuj aliĝantoj enpagis minimume la aliĝkotizon al la IFEF-kasisto, aŭ el socialismaj landoj la koncerna landa E-asocio donis skriban garantion pri ties enpago.

El okcidentaj landoj oni povas enpagi la egalvaloron per propra nacia valuto al la IFEF-kaso, nome je la dana poŝtĉekkonto 1 25 80 36, IFEF, Tolne station, DK-9891 Tolne.

El socialismaj landoj oni povas enpagi la egalvaloron de tiu per propra nacia valuto al la koncerna landa E-asocio, kiu la 31an de januaro kaj la 30an de aprilo transĝiras ĝin je la konto de Szociálturiszt per Hungara Nacia Banko.

LKK NENIAM, DE NENIU LANDO PRETENDIS LA KOTIZOJN EN DOLAROJ!

Do, ĉiu devas, povas, rajtas pagi la egalvaloron de indikitaj kotizoj per propra nacia valuto!

### Kongresprogramo

Pri la kompletigo de provizora kongresprogramo:
Dum la kongreso LKK planas aranĝi lingvan kurson ankaŭ por familianoj, por komencantoj. Tiu estos fakultativa kaj senpaga.

LKK planas funkciigi radioamatoran servon dum la kongreso. Antaŭvideble ĝi funkcios la

4an de majo inter la horoj 10-12
7an de majo inter la horoj 15-17

La bezonatajn permesojn de diversaj koncernaj organizaĵoj LKK aranĝas. Post la alveno de tiuj LKK informas vin per sekvonta numero de Oficiala Komuniko.

Por ripeti la paradon de uniformitaj fervojistoj, ĉiu est-

raro de koncerna landa fervojista E-asocio estas petata siaparte prepari ĝin. Rilate al tiu ĉi afero b.v. perletere informi LKK-n ĝis la 28a de februaro, pri tio, ĉu vi povas unu, maksimume du uniformitajn partoprenantojn prezenti dum la 34a kongreso.

LKK pri la fiksitaj detalaj programeroj informos vin en la sekvonta Oficiala Komuniko.

Vojaĝo

Ekde la unua de januaro 1982 en Hungario estas plejparte enkondukita la t.n. "kvintaga laborsemajno". Tiu ĉi fakto pretendas gravan kaj grandan ŝanĝon de fervoja horaro. Post la apero de tiu LKK en sekvonta aperonta O.K. aperigos la fervojan horaron pri la koncernaj fervojlinioj por faciligi la vojaĝon al la kongresurbo.

Postkongreso en Budapest

LKK anoncis limdaton por akiri hotelon por postkongreso okazonte en Budapest. Ni informas vin, ke LKK rezervis 150 lokojn por postkongresanoj. Tiu kvanto ankoraŭ ne elĉerpiĝis, Do, oni rajtas aliĝi por hotelo de postkongreso ĝis kiam elĉerpiĝos tiu ĉi kvanto.

Pri la programeroj de postkongreso okazonte en Budapest LKK informas vin jene:

Sabate matene trafikos aparta kongresa trajno de Balatonfüred al Budapest.

Post la alveno la gastoj okupos sian lokon en la hotelo kaj post tagmanĝo oni faros diversajn ekskursojn, vizitojn jene:

- urbovizitado: placo de Herooj, avenuo Népköztársaság, Baziliko, Parlamentejo - ekstere - Fiŝkaptista Bastiono, Matias preĝejo alie Kronada preĝejo, iama Reĝa Palaco;
- pionirfervojo en la Montaro Buda;
- vizitoj de Trafika Muzeo kaj Nacia Muzeo (en la Nacia Muzeo videblas ankaŭ la ŝtataj kronadaj juveloj);
- sabate vespere okazos komuna vespermanĝo speciale hungareca, dume oni aŭskultos ciganmuzikon;
- okazos ankaŭ florkronado de tombo de Julio Baghy.

LKK

# LA ESTRARO KOMUNIKAS

## Pri la artikolo "Novaĵoj el Pollando" en IF 6/81 p.80

La artikolo povus doni la impreson, kvazaŭ en Polio ĝis nun ne ekzistas fervojista fakgrupo, ĉar s-ro de Bruyne skribas, "ke nun ree povos esti kreata fervojista fakgrupo kadre de la agado de Pola Esperanto-Asocio".

Ni jen substrekas, ke tia fakgrupo jam ekzistas ek de Julio 1979 kiel landa asocio de IFEF.

Sekve ankaŭ la anonco, ke "la starigo de fervojista fakrondo estas planita por Oktobro ..." estas tute erariga, same kiel la "definitivaj programoj por la 24a IFES en Alta Tatro". La IFEF-estraro eĉ sufiĉe frue petis s-ron de Bruyne, ne trakti tiun temon en Varsovio, ĉar la polaj kompetentuloj ne estis respondintaj al antaŭaj oficialaj esplorpetoj de IFEF. Sekve estas entute malcerte, ĉu kaj kiam okazos IFES en Polio.

IFEF-estraro

## Novaĵoj pri la radioamatoroj

La internacia FIRAC-kongreso de la fervojistaj radioamatoroj okazis fine de Aŭgusto en Wien. Tie kunvenis i.a. radioamatoroj, kiuj krome estas esperantistoj, el kelkaj landoj. Oni konstatis, ke post unujara ekzistado de "Esperanto-FIRAC-laborgrupo" nun troviĝas inter la FIRAC-anoj 24 amikoj de Esperanto en Aŭstrio, FR Germanio, Luksemburgo, Svedio kaj Svisio. Ili ĉiuj ricevis la novan Esperanto - FIRAC - kaseton, bonan lernolibron kaj informilojn.

La komunikilo de la germana FIRAC-asocio de kelka tempo regule aperigas informojn pri Esperanto kaj la avantaĝoj, kiujn ĝi ofertas por la radioamatoroj.

Ĉiuj membroj de IFEF estas petataj subteni la komencitan kunlaboron inter FIRAC kaj IFEF.

La ambaŭflankaj kontaktoj nepre pliintensiĝu.

estraro

## ANONCO

### Kongresinsignoj serĉataj

Kiel ni konstatis, mankas en la Internacia Esperanto-Muzeo en Wien jenaj insignoj de IFEF-kongresoj:

n-roj 1-5, 16-21, 23 kaj 28.

Kiu volas donaci tian insignon al la muzeo, bonvolu sendi ĝin al la gvidanto de la Historio-Komisiono, s-ro Joachim Giessner, An der Nicolaischule 3, D 3420 Herzberg am Harz.

Krome mankas la internacia organo de iama IFEF, "Fervoja Esperantisto", n-roj 8 ĝis 12 kaj 16 ĝis 17 el la jaroj 1912 ĝis 1914.

Ankaŭ tiujn revuojn ni petas al la ĉi-supra adreso.

Ni kolektos ĉion kaj komune donos al la muzeo.

Historio-Komisiono
gvidanto

---

## EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

### BULGARIO

#### La unua landa konferenco de bulgaraj esperantistoj-fervojistoj

La 10-11an de oktobro en urbo Stara Zagora okazis renkontiĝo-konferenco de la bulgaraj esperantistoj-fervojistoj, organizita de BFES (Bulgara Fervojista E-a Sekcio) ĉe BEA. Ĉeestis aktivuloj kaj reprezentantoj de fervojistaj societoj en la lando.

La unuan tagon la esperantistoj promenis tra la urbo gvidataj de membroj de la urba E-a Fervojista Societo "Fervojisto" kaj konatiĝis kun la urbaj rimarkindaĵoj. Vespere ili partoprenis la interkonan vesperon en restoracio.

La duan tagon ĉiuj venis en la salono de la urba kultura domo de la Transporto, kie okazis la konferenco. En la komenco la urba societo surprizis nin per interesa literatura programo-recitado en E-o. Gvidis la kunvenon k-do G. Dolapĉiev. Salutis la konferencon k-do Kr. Karucin je la nomo de BEA kaj la gek-doj Elena Zlaĉevska kaj Slavi Janulov je la nomo de la urba kaj distrikta estraroj.

Membroj de la sekcia estraro Marin Marinov, Lili Koleva kaj Adriana Georgieva informis la ĉeestantojn pri la ĝisnunaj atingoj, pri la problemoj kaj pri la estonta laboro de la sekcio.

La prezidanto de la sekcio k-do M. Marinov parolis pri la sukcesa partopreno kaj prezento de bulgara grupo de fervojistoj en la 33a IFEF-kongreso en Germanio (Regensburgo), kaj anoncis, ke la plej grava evento, kiu staras antaŭ ni ĉiuj, estas la

36a kongreso de IFEF okazonta en nia lando en la jaro 1984. Li substrekis, ke ĉefa celo estos por ni la plialtigo de la lingva nivelo.

La sekretario Lili Koleva klarigis la kondiĉojn pri la partopreno en la 34a IFEF-kongreso, kiu okazos en Hungario en 1982, tralegante la leteron de la Hungara Organiza Komitato. Ŝi raportis pri la partopreno de bulgaraj fervojistoj-esperantistoj en la iniciatoj de BEA kaj pri la redaktado de la sekcia organo "Bulgara Fervojisto" invitante ĉiujn pri kunlaboro.

La kasistino Adriana Georgieva faris financan raporton kaj komentarion de la kondiĉoj pri la membreco al IFEF kaj la partopreno en la E-aj kongresoj.

Post la raportoj la ĉeestantoj esprimis siajn opiniojn pri la laboro de la sekcio. Multaj eldiris sian kontentecon kaj ĝojon pri la noveldonata sekcia bulteneto "BF", de kiu jam aperis du numerojn kaj sian esperon, ke ĝi estu spegulo de nia E-a vivo.

La komuna deziro estis, ke en la estonteco okazos pli ofte renkontiĝoj kaj konferencoj de la bulgaraj fervojistoj-esperantistoj.

Fine la prezidanto de la sekcio k-do M. Marinov dankis je la nomo de ĉiuj al la urba societo "Fervojisto" pri la bona organizo de la renkontiĝo kaj pri la ama kora akcepto.

Lili Koleva

- - - - - - - - - - - - -

## DANIO

### DEFA-jarkongreso en Odense 19.-21. marto 1982

Kunlabore kun la aliaj danaj Esperanto-asocioj DEFA arangĝas sian jarkongreson 19a - 21a de marto 1982 en la urbo de Hans Christian Andersen: Odense.

En belaspekta prospekto la aranĝa komitato priskribas la provizoran programon, kiu ampleksas i a priskribon de la urbo kaj ties granda filo, la fabelisto Andersen, vizitojn en diversaj muzeoj, i a la fervojmuzeo, studgrupan laboron kaj debaton pri la 100jariĝo de Esperanto en 1987, prelegon de Bormann, Hamburgo.

Pliaj informoj ĉe kaj aliĝo al Edith Lund Jørgensen, Spangsvej 36, DK-5210 Odense NV, tel +45-9-16 19 97.

DEFA

- - - - - - - - - - - - -

## ITALIO

### Disdonado de la Esperantaj diplomoj en Bologna

La tradicia manifestacio por la disdonado de la diplomoj de la Itala Instituto de Esperanto - I.I.E. al la gekursanoj de la pasinta lerneja sezono, kiuj partoprenis ankaŭ en la Esperanto-kursoj de D.L.F. en Bologna, okazis nunjare en la granda salono de la kvartalo Borgo Panigale.

Oni disdonis 125 diplomojn, inter kiuj pli ol 100 al geknaboj (inter 11 kaj 13 jaraĝaj) de la elementaj lernejoj de Borgo Panigala, kaj 46 atestilojn

de partopreno en la Esperanto-kursoj, al la geknaboj, kiuj ne povis submetiĝi al la Esperantaj ekzamenoj.

Prelegis mallonge profesoro Agostini kaj d-ro Tacconi. Sed la plej simpatia parto de la manifestacio estis la prezentado de malgranda spektaklo fare de la geknaboj mem, kiu dancis, kantis kaj prezentis baletojn.

Esperanto kaj "FERBO-81"

FERBO estas jam tradicio. Post la sukceso de antaŭ du jaroj, "Dopolavoro Ferroviario-D.L.F." de Bologna denove prezentis al la ekstera publiko siajn aktivaĵojn.

Tio okazis per diversbranĉa ekspozicio de la 5a ĝis la 15a de novembro en la salono de "600" de "Palazzo del Podestá" en la centro de la urbo Bologna. Inter la diversaj branĉoj (pentro kaj foto-arto, hobioj, turismo, filatelio, socialaj kaj virinaj aferoj ktp) estis ankaŭ la Esperanta branĉo prezentata de la Esperanto-grupo de D.L.F.

La Esperanta elmontro estis artikolita en tri precipaj branĉoj, nome: Esperanto en la Fervojoj, Esperanto en la Turismo kaj Esperanto en la lernejoj kaj en la Junulara vivo.

Sur la alta parto de la Esperanta stando estis montrata la granda standardo kun la slogano: "Contro ogni discriminazione linguistica per eliminare l'incomprensione fra i popoli" (kontraŭ ĉiu lingva diskriminacio por forigi la miskomprenon inter la popoloj), kiun la Italaj Esperantistoj svingis en la centraj vojoj de Romo okaze de la surstrata manifestacio de la 52a Itala Kongreso de Esperanto. Ankaŭ pluraj ekzempleroj de la ĵus presita afiŝo pri niaj venontaj Esperanto-kursoj, kiuj komenciĝos la 24an de novembro en la salonoj de D.L.F. en Via de Poeti, 5/2, kaj daŭros ĉiumardon posttagmeze kaj vespere, ĉu unuagradaj (elementa por komencantoj), ĉu duagradaj (por tiuj, kiuj vizitis la elementan kurson pasintjare), ĉu konversacia por progresintoj kaj spertuloj.

En la filatela ekspozicio oni elmontris grandan kolekton de Esperantaj poŝtmarkoj kaj poŝtstampoj, inter tiuj lastaj ĉiuj specialaj porokazaj poŝtstampoj uzitaj dum la Internaciaj Kongresoj de IFEF. La filatela ekspozicio enhavis specialan porokazan poŝtstampon pri Fervoja motivo, kiu prezentas bildon de la lokomotivo-tendro, tipo 801 FS, kiu komencis sian servon dum 1881, do festas nunjare sian centjaran honorindan servo-deĵoron.

IFEA



La respondeculo pri "Kulturo" de D.L.F. Cavallini vizitas kun kolego Gimelli ties kolekton de Esperantaj poŝtmarkoj kaj poŝtstampoj, en la Filatela ekspozicio.

# BALATONO

Mallonge pri Balatono

Grandioza donaco de la naturo estas por tiuj ĉi personoj la Balatono, kiuj ŝatas sin bani, sunbruniĝi kaj sportludi.

Ĝia surfaco: 591 $km^2$-oj.

Ĝia longeco: 77 km-oj.

Ĝia vasteco: etendiĝas de 2- ĝis 14 km-oj.

La tutlongeco de ĝia bordo: 197 km-oj, kaj grandparte konsistas el sablo.

En somero la akvo rapide varmiĝas kaj atingas eĉ 26-27°C.

Sur ĝia norda bordo leviĝas malaltaj montetoj vinberpriplantitaj, kies verdecon buntigas vigle la malnovaj vinkeloj.

Balatono kaj ĝia ĉirkaŭaĵo donos multspecan eblecon por aktiva ripozado.

Krom naĝado kaj sunbruniĝo la gastoj povas elekti inter diversaj akvosportludoj. Tamen la uzado de la motorboatoj - en intereso de akvodefendo - estas malpermesita.

En la ripozlokoj la ripozantoj trovas romantikajn gastejojn, kie ili apud cigana muziko povas gustumi la specialajn hungarajn manĝaĵojn, kiuj estas preparitaj el la Balatono kaptitaj fiŝoj. Poste bongustas la aromaj kaj fajraj vinoj de la balatona teritorio.

Proksime de la bordo troveblas konataj ekskurslokoj, kie atendas la vizitantojn famaj artmonumentoj.

---

GRAVAJ ENHAVAĴOJ



La redaktofino por la venonta IF estas 10.3.82.

Preso: Esperanto-Press Augsburg, Seitzstr. 14, D-8900 Augsburg
Tel. 0821/41 92 13 + 48 81 49